## 31-a IFEF-KONGRESO EN FINLANDO




Kion diri pri la pasinta IFEF-Kongreso, al kiu partoprenis sufiĉe altnombra itala delegacio? Oni povas nur diri ke ĝi plenumis ĉiujn siajn promesojn. Fakte la organizo estis perfekte aranĝita; la kunvenoj okazis laŭ la programo kun multaj partoprenantoj kaj en bona ordo; la gastigado estis tre komforta; la bone elektitaj ekskursoj efektiviĝis precize; la artaj, kulturaj, amuzaj aranĝoj montriĝis kiel altnivelaj kaj plensukcesaj manifestacioj; la vetero kondutis preskaŭ perfekte; la lando, la urboj, la popolo malkaŝiĝis ege belaj, interesaj, ĝentilaj; kaj, finfine, oni povis ĝui la diurnan sunon, kiu Laponio donacis al ĉiuj senŝpare.
La kongresaj laboroj bone sukcecis sinsekvantaj laŭ la vico de la tagordo. Oni povas nur mencii la plej gravajn traktitajn temojn kaj okazintaĵojn. Impona kaj grava estis la malferma cerimonio, dum kiu parolis multaj eminentuloj kaj aŭtoritatuloj. En la estraro/komitato-kunsido estis traktataj kaj aprobataj ĉiuj detalaj raportoj de la estraranoj kaj de la komisionanoj, ia nova laborplano, la agado rilate al la aliaj organizoj, la kongrespoponoj (inter kiuj oni aprobis statutŝanĝojn kaj la plialtigon de la membrokotizo), la budĝeto de 1980, la venontaj kongresloko kaj kongreslando, la invito al la 21-a IFES en Italio, la teksto de telegramo al finlanda Prezidanto Kekkonen kaj fine la kongresa rezolucio.
La Vicprezidanto de IFEF, W.L. Van Leeuven, estis honorigita per Ora Medalo de la FISAIC.
La du antaŭviditaj fakprelegoj okazis kaj plensukcesis. La unua temis pri kombinita vartrafiko (G. Sredič) kaj la dua pri la transmara vagontrasporto inter Hanko kaj Travemünde (N.G. Narvala). La prelegantoj montris kaj komentariis tre belegajn filmojn.




## JARKUNVENO DE IFEA EN LA KADRO DE LA 50-a ITALA KONGRESO DE ESPERANTO - PLAĜO DE JEZOLO - LA 27-a DE AŬGUSTO 1979-a



La kunveno antaùvidita laù la programo je la 8,30-a ĉe la mezgrada lernejo ne povis okazi pro manko da partoprenantoj pro samtempa daùrigo de la asembleo de IEF (Itala Esperanto Federacio). Ĉeestis nur kelkaj eksterlandaj kolegoj. La estraranoj de IFEA profitis por diskuti asociajn organizajn aferojn (pago de kotizoj, ŝanĝoj de adresoj, membroj kiu ne pagis la kotizojn, membrokartoj, ktp.).
Oportune ĉeestis f-ino Lea Fabbri el Bolzano kun kiu oni diskutis pri ŝia helpo okaze de la venonta skisemajno.
Postagmeze je la 15-a horo en la sama loko oni okazigis duan kunvenon. Ĉeestis 12 anoj. La sekretarioj raportis pri la 31-a IFEF-Kongreso en Turku kaj pri la venontaj gravaj eventoj: la 21-a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno "I.F.E.S. - 1980", kiu okazos de la 26-a de januaro ĝis la 2-a de februaro 1980-a en "Casa Alpina del Dopolavoro di Bologna" en Plan Val Gardena (Bolzano); kaj la 32-a IFEF-Kongreso, kiu okazos de la 16-a ĝis la 22-a de majo 1980-a en "America" (L.), Nederlando en la bangalaro "Het Meerdal" de "Sporthuis Centrum".
Pro la malmulta ĉeestantaro oni ne elekti la novan estraron, sed simple konfirmis la malnovan kiu konsistas el: PREZIDANTO: d-ro Manlio GALLI (Roma); SEKRETARIO: kav.p.i. Germano GIMELLI (BO); DUA SEKRETARIO: d-ro Romano BOLOGNESI (BO); KASISTO: s-ro Giulio CATENA (BO); DUA KASISTO: s-ro Franco GRAZIANI (BO); KONSILANTARO (Comitato Esecutivo) - 7 Membroj: kav.p.i. G. GIMELLI (BO), s-ro G. CATENA (BO), kav. geom. Alfredo BASSETTI (TN), s-ro Gino CORSO (VR), d-ro Alberto MENABENE (Roma), s-ro Spartaco F. TARLINDANO (VE), rag. Paolo BATTAGLIA (RC); KONTROLISTOJ: s-ro Celso CORRADI - CAMOGLI (GE), s-ro Renzo MANTOVAN (VE), s-ino Mirella MERLANI-SOLITARI (Roma), kun anstataùantoj: rag. Aldo FORMAGGIO - CAMOGLI (GE), s-ro Antonino ALBANESE (RC); JUĜANTARA KOMITATO (Probiviri): d-ro inĝ. Giordano AZZI (CO), p.i. Pasquale CECI (BO), prof. d-ro inĝ. Bernardino LATTANZI (Roma); HONORA MEMBRO: prof. d-ro inĝ. Bernardino LATTANZI DI MONTERUBIAGLIO (Roma); MEMBRO EN LA KOMITATO DE IFEF: kav. p.i. G. GIMELLI (BO); MEMBRO EN LA KONSILANTARO DE IEF (Itala Esperanto-Federacio): d-ro Giovanni MARCHIORI (VR).
Rimarkinda la partopreno en la Kongreso de la eksterlandaj fervojistoj-amikoj; pluraj el ili salutis la Kongreson dum la solena inaùguro, en la nomo de siaj landaj esperantistaroj, kiel s-ro Jozefo Weidacher (Germanio), s-ino Martine Horn-Dumas (Francio), f-ino Greta Gossl (Aùstrio), ktp..

---

## 2-a SUNA-MARA INTERNACIA FERIO-SEMAJNO EN REGGIO CALABRIA

S-ro Claudio Pivari raportis pri la Ferio-semajno en Reggio Calabria (elp. Reĝo Kalabrja) kiu okazis de la 14-a ĝis la 21-a de julio 1979-a. Kvankam malmulte da partoprenantoj ĉeestis, la manifestacio bone sukcesis kaj Pivari, ankaù en la nomo de inĝ. Fritz Tschom el Linz (Aùstrio), kiu ĉeestis en Jezolo, dankis la organizantojn en Reggio Calabria.

---

## 21-a I.F.E.S. EN PLAN VAL GARDENA

Kiel jam skribite, ĉe "Casa Alpina del Dopolavoro di Bologna" okazos la 21-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno en Plan

Val Gardena (Bolzano) de la 26-a de januaro ĝis la 2-a de februaro 1980-a.




Plan situas je la piedoj de la Dolomitoj je alteco de 1600 metroj super la maro kaj estas parto de Selva Val Gardena.
Plan estas atingebla per aŭtobuso post malmultaj da minutoj de la stacidomoj de Chiusa (28 km), Ponte Gardena (20 km), aŭ de Bolzano (42 km), laŭlonge la fervojlinio "Brennero-Verona", aŭ per aŭtomobilo laŭlonge Valo Gardena post la eliro el la aŭtoŝoseo "del Brennero" en Chiusa.
La domo "Casa Alpina" disponigas ĉambrojn je 2, 3, 4 litoj kun duŝo; nur malmultaj sen duŝo.
La prezo por la tuta restado (kompleta pensiono) estas 85.000 italaj liroj.
Kiu deziras partopreni povas mendi informojn kaj aliĝilojn al: IFEA - via Donato Creti, 61 - BOLOGNA (Italio).
Skribu baldaŭ kaj ĝis revido al la porĉiamaj junuloj!

---

## 32-a IFEF-KONGRESO EN NEDERLANDO

Adreso LKK: 32-a IFEF-Kongreso - W.L. van Leeuwen - Jiulianaplein 2 - 1097 DN Amsterdam.
Poŝtĉekkonto 4182 633 je la nomo de: 32-a IFEF-Kongreso - Jiulianaplein 2 - 1097 DN Amsterdam.




La venonta IFEF-Kongreso okazos en America (L.)(Nederlando) en la bangalaro "Het Meerdal" de "Sporthuis Centrum", kiu estas situata en unu el la plej arbriĉaj regionoj de tiu lando.
La plej proksima stacidomo estas Horst-Sevenum (fervojlinio Venlo--Eindhoven).

Kongreskotizoj en gdl (nederlandaj guldenoj) ĝis 15/12/1979 kaj ĝis 15/4/1980 (en rondaj krampoj)
kongresanoj IFEF-membroj: dungito aŭ pensiulo: 60(90); edz(in)o aŭ junul(in)o ĝis 20 jaroj: 30(45); kongresano ne IFEF-membro: 75(110) kaj simpatianto, kiu ne partoprenas la kongreson: 15(15).

Loĝaj, distraj kaj kongresaranĝoj
Ĉiu bangalo enhavas: grandan loĝĉambron kun komfortaj seĝoj, televido, t.n. manĝangulon por sidi ĉetable, du dupersonajn dormoĉambrojn, banejon kun bankuvo, duŝo (ĉiam varma akvo) kaj necesejo, terason por sidi ekstere, de vi mem reguleblan heitadon, ktp.
Inkluditaj en la prezoj estas: tranoktado, ĉiuj manĝoj (escepte de la lunĉo je ĵaŭdo), la speciala festmanĝo je ĵaŭdvespero, naĝado en varmigita naĝejo kaj la t.n. tolaĵo-pako (enhavanta: 2 littukojn, 1 kusentegaĵon, 3 grandajn bantukojn, 4 mantukojn kaj 2 kuirejajn sekiĝtukuojn), ĉio ek de la 16-a (vespermanĝo) ĝis inkl. la 23-a de majo (matenmanĝo).
La prezoj en gld popersone kaj

nur por la tuta semajno estas: 450, 480 aù 550 respektive por 4, 3 aù 2 personoj aranĝataj en unu bangalo.
Sur la tereno estas tenisejoj, keglejoj, saùnejo, oni povas lui biciklojn, eblas remi kaj akvobicikli sur la lageto, ktp..

Provizora programo

Ve.16/5: alveno de la kongresanoj - interkona vespero;
Sa.17/5: inaùguro - fervojista kulturvespero;
Di.18/5: Diservo - komitatkunsido (ne publika) - internacia balo;
Lu.19/5: kunsidoj de komisionoj - duontaga ekskurso (A) - fakprelego - filmvespero;
Ma.20/5: plenkunsido I - duontaga ekskurso (B) - forumo;
Me.21/5: plenkunsido II - ev. kunsidoj de komisionoj - prelego;
Ĵa.22/5: tuttaga ekskurso (C) - festomanĝado - Kongresfermo;
Ve.23/5: kongresanara forveturo.

Ekskursoj (laùvole en gld)

A - al EINDHOVEN kun vizito al "Evoluon"(por scii la evoluiĝo de la elektratekniko en Philips -konzerno) = 15;
B - al la sonorilmuzeo en ASTEN; al ventmuelejo en kiu oni laboras = 12,50;
C - al ARNHEM (subĉiela muzeo); ŝipveturo al la urbeto RHENEN = 35 (inkl. la lunĉo).

Aliaj informoj

kunlaboros en la programo i.a.: Fervojista Opereta Ĥoro el Eindhoven, d-ino Marjorie Boulton kun sia bestaro, kursos kaj prelegos, s-ino Ramona van Dalsen el Hago kun Esperanto-kantoj, ktp..
Fakprelego pri "La fervojoj en la malaltaj landoj" (12 metroj super kaj sub la marnivelo) de inĝ. W. Meynen el Utrecht.

N.B.: Ne iru sen antaùmendo, ne ekzistas aliamaniera loĝaranĝo! LA LKK konsil-admonas aliĝi antaù la 15-a de decembro 1979!
Petu aliĝilojn rekte al LKK-adreso aù al IFEA kiu jam havas.

---

NEKROLOGOJ

- Vittorio Dall'Acqua el Milano. Tute ne atendite ni legis la anoncon de la forpaso de la juna tre konata esperantisto Vittorio Dall'Acqua.
- D-ro Vittorio Giuliarini el Porretta Terme. Nin forlasis nia malnova membro d-ro Vittorio Giuliarini, kiu estis altranga funkciulo en la societo de la Termoj de la urbeto. Nia Grupo en Porretta T. perdis tre aktiva kaj bonkora Esperantiston.
- Carlo Carena el Voghera (PV). En la aĝo de 87 jaroj forpasis en Voghera Carlo Carena, eksfervojisto kiu multe laboradis por nia Asocio kaj por Esperanto. Li esperantiĝis en la malproksima 1922-a jaro kaj partoprenis multajn IFEF -Kongresojn. La IFEF-Anoj memoros ĉiam Lin kiel entuziasma, fidela kaj iniciatema kunlaboristo; Esperanto estis por Li preskaù religio.
- Ni eksciis ankaù pri la morto de nia de longe anino Ines Galiardi Caccialanza el Romo, de nia membro Giobatta Briano, de la frato de nia estrarano Spartaco Tarlindano, de la edzino de nia malnova membro Giovanni Rolando el Genova, de la konata prof. Mario Bardini el Mantova, de la konata esperantistino Adelaide Antonelli Kholer, aktiva en la E-movado en Romo, precipe en la katolica medio.
Ke Ili ripozu en paco!
Al la gefamilianoj, kortuŝe kaj ĉagrene, ni sendas sincerajn kondolencojn.

# I. F. E. A.



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (**I. F. E. F.**):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (**U. E. A.**) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (**F. E. I.**) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna (Italujo)




# Informa Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO – ASOCIO

# ITALA FERVOJISTO

REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N. 61 - Tel. 359.071

STAMPE